Kollektion Esperanto ▫ Band 7.



# Toni

Dramo en tri aktoj.

Laŭ

**Theodor Körner**



el la germana lingvo tradukita en la mondlingvon
Esperanto
de

**Fritz Stephan,**
Redaktoro en Leipzig.

**Prezo 1.— Marko.**

**Leipzig 1909.**
Eldonejo de C. W. B. Naûmburg.

## Personaro.

Konjo Hoango, kapitano de negroj.
Babekan, mestizo, lia edzino.
Toni, ŝia filino.
Kolonelo Stremli.
Ferdinando, | 
Adolfo, } liaj filoj en francaj servoj.
Eduardo |
Gustavo de la Rid.
Nanki, negroknabo.
Servistoj de Stroemli.
Du negroj.

La scenejo estas sur Sankta Domingo.

La tempo: 1803.



# Unua akto.

Nokto. Fulmas kaj tondras. La korto antaŭ la domo de Hoango. La pordego estas malfermita.

## Unua sceno.

Babekan kaj Toni (kun lanterno).

Babekan. Estas terura nokto! — Mi de mia juneco ne travivis tian. La ventego bruegas terure tra la domon.

Toni. Ho patrino! Ni iru en la liton! Mia sango ekhaltas ĉe tiu ĉi voĉo de la justa ĉielo! Hu, kiel fulmas! Jen estas la kolero de Dio, la tondro estas pro la nigraj mortigistoj.

Babekan. Kion? — Ĉu vi priploras la blankajn fihomojn? Fi! Ĉu vi ne havas memoron por krimoj, ne por la turmentoj de patrino? Ĉu la blanka haŭto, la heredaĵo de mia honto, faras vin sensentema por justa doloro kaj por la volupto de la venĝo? Ĉu mi devas rakonti al vi ankoraŭ mil fojojn, kiel ili min, malfortan virinon, turmentis kun furiozego, ne pripensante mian senkulpecon, ĝis mi senkonscie falis en la genuojn, kaj nun mizere finigas mizeran vivon?

Toni. Ne, patrino, ne, ne, neniam mi forgesos ĝin! Do, kion fihomo kruele tie ĉi faris, kial ĝin venĝi pri la tuta nacio? Kial dissprucigi la sangon de senkulpaj homoj, ĉar ili ne estas nigraj kiel viaj fratoj; ĉar ilia suno pli bone zorgis pri ili kaj klare la koloro de ilia pli varmeta tago rebrilas sur iliaj blankaj mienoj?

Babekan. Ĉu vi povas ĝin aliigi? Lasu iri la virojn! Ni estas la virinoj, ni obeas. — Kiam ili kuraĝe riskas la vivon por la patrolando, tiam ni devas plenumi la pli facilajn devojn. Vi scias la lastan ordonon de Hoango, ni devas aresti la blankan forkurinton kiu iras en la domon aŭ per ruzo, aŭ per potenco, ĝis li revenos kaj oferos la Francon. Ni ne povas defendi la leĝon de la patrolando en serioza batalado per virpugno; do tiel ankaŭ malfortulinoj utilas al la ŝtato kaj kunlaboras pri la elbatalata libereco.

Toni. Ho patrino, patrino! Estu kompatema! Memoru ke mi ankaŭ portas la koloron de tiuj ĉi oferaĵoj. Pardoni mi volas la sangeman koleron de la viroj, do la mortigeman ruzon de virino Dio kondamnis kiel la plej grandan krimon. Kiam Francoj kuŝas petegante sur la sojlo, ne enlasu ilin, gardu vian bruston pri tiaj sangpensoj. — Ne aŭdu, kiam ili petegas pro Dio, enlasi ilin en tiun ĉi domon de mortigisto. Ŝlosu viajn orelojn kiel la pordegojn! — Ho memoru pri mia patro! — Ĉu li ne ankaŭ portis la koloron de siaj malfeliĉaj fratoj?

Babekan. Je kio vi memoras min? — Ĉu vi ne scias ĝin? Via patro estis fihomo! — Li sole meritas la tutan venĝon de mia nacio; pro tiu ĉi sola krimo la blankaj fihomoj meritas la morton. Kion ordonis la ordono de Konjo, tio estu plenumita! Kompatemo nur estus krimo. Ĉu la patrino valoras al vi tiel malmulte, parolu! Ke vi riskas ŝian vivon por tiuj tigroj?

Toni. Mian propran donu al li, patrino! Ho! Nur ne enigu la manojn de le filino en homsangon; ne dispremu la delikatan knabinanimon per la memoro pri ago, kiu sangplene tuŝas la makulitan vivon.

Babekan. Silentu! Mi ne volas plu aŭdi pri tio.

Toni. Patrino!

Babekan. Silentu! Mi ordonas al vi. — Hoango devas esti kontenta pri mi. — La blankuloj semis sangon, la semito estas aperinta! — Nun, infano, en la liton! Tiu ĉi terura nokto estas nenies homo amiko, ne estus konsileble kontraŭstari al tia furioza ventego. Venu, venu en la liton.

Toni. Ĉu mi povos dormi? —

Babekan. Agu kiel vi volas, obei vi tamen devas. Kaj nun bonan nokton. (Iras en la domon.)

## Dua sceno.

Toni. (sole). — Por mi bonan nokton? — Ĉu oni do povas dormi, se perfido kaj mortigo iras tra la turmentitan animon? — La dormo ja estas paca spiro de la ĉielo, dormi nur povas spegulklara koro! — Ne plu estus diferenco inter bono kaj malbono, se en la brusto, en kiu mortigsonĝoj staras, povus prosperi la paca regno de la dormo.

Mi ne povas dormi, nenian bonan nokton mi povas deziri por mi! — Malfeliĉa, malfeliĉa Toni! — Kiu ŝiras la pacon el la silenta brusto? Kiu forpelas la dormon el la timigita okulo? Dio — mia patrino! — mia propra patrino donas al mi la ponardon en tiun ĉi puran manon kaj tiras la animon en la rondon de la mortigo! —

Alifoje mi dormis dolĉe! Bela printempsonĝo flugis afable ĉirkaŭ la junecan dormon. —

Nun mi sonĝas pri perfido kaj pri krimo!

Mi ne povas dormi! — Nenian bonan nokton mi povas deziri por mi! — Malfeliĉa, malfeliĉa Toni! — (Iras en la domon.)

## Tria sceno.

Gustavo. (en unu mano nudigitan sabron, du pistolojn en la zono, venas tra la kortpordego.) Mi ne povas plue! Tie ĉi je morto kaj vivo savi la amikojn aŭ volonte mem esti la unua, kiun Dio forprenos! —

La elementoj ribelas, ventego kaj fulmoj batalas kun la nokto de la nuboj. Nun homoj devas sin kompati, nun, kiam senkompateme la tondroj de la ĉielo furiozas kaj Dio forpelas la malfeliĉulon. — Pli bone morti per negrobastonegoj, pli bone la ponardojn de la mortigisto en la brusto, ol lasi perei amikon kaj fraton. Tial estu riskata! Eble mi trovas koron! Varme ja ĉie frapas la sango; la suno nur koloras la haŭton, la animojn ĝi ne koloras, kaj amo kaj kompatemo ne pendas je ia koloro. —

(Batante per la sabro je la pordo.)

Malfermu, mi petas vin ĉela eterna Dio!

Malfermu, malfermu, estas pro dek homvivoj!

Malfermu en la koro ĉiujn pordojn, por ke la kompatemo venkante eniru. Estas pro dek homvivoj! — Se vi estas homoj, pruvu ĝin laŭte per via humaneco.

## Kvara sceno.

Gustavo, Babekan (tra la fenestro).

Babekan. Kiu bruegas en tiu ĉi terurplena horo antaŭ mia pordo?

Gustavo. Malfeliĉulo, kiu antaŭ viaj piedoj petegas pri via kompatemo. Ho! Estu pli kompatema ol nokto kaj ventego; forgesu, ke la suno ne brunigis min kaj malfermu al mi vian domon kaj lasu min eniri.

Babekan. Ĉu vi estas sole?

Gustavo. Sole! —

Babekan. Estas danĝere malfermi en tiu ĉi tempo de la ribelo kaj de la mortigo gastame la pordon al la fremdulo; do tro terura estas la ventego de la nokto, mi volas riski ĝin pro via ĝemado.

Gustavo. Ĉu mi povas konfidi al vi? Ĉu mi povas?

Babekan. Estu sen zorgoj!

Neniu loĝas en tiu ĉi domo krom mi kaj mia filino, kaj mia flara koloro montras radion de via lumo. — Mi sendas al vi la Toni'n (Foriras de la fenestro.)

## Kvina sceno.

Gustavo (sole). Dank' al Dio! Mi trovis humanan koron; ili estas savitaj, kaj pri la malespero Dio kompatis. — Tamen, ne konfidu tro facile al la malvera ludo de la vortoj? Ĉu tio estis la dolĉa voĉo de la kompatemo? — Kiel? — Ĉu mi devas resti? — Mi ja kunpereigas la amikojn, kiam mi ne mem savas min. — Kion fari? — —

## Sesa sceno.

Gustavo, Nanki (kiu rapide ŝlosas la kortpordegon).

Gustavo. Haltu, fihomo! Kion vi komencas? —

Nanki. La kortpordegon mi ŝlosas, tiel volas la mastrino.

Gustavo. La kortpordegon! — Kial nun? Parolu!

Nanki. Demandu ŝin mem. Kiam Konjo ne estas dome, la mastrino regas en la domo.

Gustavo. Kiu estas Konjo?

Nanki. Kapitano de la negroj, kiu hieraŭ matene iris kun centkvindek viroj al Desalines. Konjon vi do konas, la plej bravan batalanton por la bona afero?

Gustavo. En kian kavernon de mortigistoj mi riskis iri! Donu la ŝlosilon, malŝlosu la kortpordegon!

Nanki. Ne, tion mi ne devas.

Gustavo. Oni jam venas sur la ŝtuparo; tie ĉi estas pro la vivo! Donu la ŝlosilon, fihomo!

Nanki. Ha! Helpon! Helpon!

Gustavo. Dio, estas tro malfrue! —

Nu bone, ili ne devas pagi malkaran prezon por la vendita vivo.

## Sepa sceno.

Toni (kun lanterno en la mano venas el la dompordo) La aliaj.

Gustavo (direktante sur ŝin la pistolon).

Reen, se vi amas la sunon! — Ne risku la lastan bataladon kontraŭ la malespero.

Toni (dume la tuta lumo de la lanterno falas sur ŝian vizaĝon).

Gustavo. Kia anĝelo!

Toni. Fremdulo, kion vi havas?

Gustavo. Ĉu mi sonĝas? Ĉu mi maldormas? Knabino, parolu, ĉu vi ne estas pasema bildo de la fantazio? Ĉu vi vivas? Ĉu vi estas fakte? —

Nigran koron en nigra larvo mi atendis kun timo, kaj ĝoje mi ekkonas tie ĉi la koloron de mia nacio, kaj klare el via okulo parolas la animo.

Toni. Kelke da blankaj brustoj tamen havas malverajn korojn; ne konfidu al la facila ludo de la koloro. (flanken.) Ho, se li povus kompreni min!

Gustavo. Kiel? Cu mi devas dubi? Kiam tia anĝelo staras ĉe la enirejo? Estu sen zorgoj! — Malkonfido estus peko pri la parolo de Dio. Sur ĉiun frunton, en ĉiun okulon ĝi estas klarvideble enĉizilita. Sur viajn mienojn la mano de la amo skribis belegan majstroparolon pri virinkuraĝo, ĉu mi devas malrapidi, timi? Neniam!

Toni. Estos danĝere dormi en la domo; la negraj bandoj ĉie vagas; ni ne estas certaj pri la nigraj gastoj. Vi riskas vian vivon. (flanken.) Dio, li ne aŭdas min, ĉu li ne volas min kompreni?

Gustavo. Ili venu! Mi ne foriras! — La patrino jam promesis al mi protekton. — Ĉu vi ne havas kompatemon? Cu mi devas eliri en la nokton de tiuj ĉi ventegoj, sole iri tra la ribelantajn elementojn kaj la pli malbonajn homojn?

Toni. Ho, ke mi povus savi vin! — Nanki, iru supren kaj helpu al la patrino. Diru al ŝi, ke ni sekvas.

Nanki. Mi iras, Toni.

Toni (sekrete). Fremdulo, estu singardema! Vi ne estas certa, konfidu al mi!

Gustavo. Kion signifas tio?

## Oka sceno.

La aliaj, Babekan (tra la fenestro).

Babekan. Vi venas malrapide!

Toni (flanken). Dio, la patrino!

Babekan. Venu! La lumo facile povas allogi la sciemon de la migrantoj; venu, venu!

Toni (flanken). Tio estis la voĉo de lia sorto. (Laŭte.) Ni venas, patrino! (Babekan foriras de la fenestro.) Fremdulo, ~~sekvas~~ al mi! Vi kredas pri mi,

via kredo ne devas mensogi; pura senco iras pure tra sango kaj mortigo.

Gustavo. Nun prenu la manon, kaj se vi kondukas min en pereon, estos bele morti en tiu ĉi sonĝo. (Ambaŭ iras en la domon.)

## Naŭa sceno.

(La scenejo ŝanĝiĝas en ĉambro kun meza kaj du flankaj pordoj.)

Babekan (sole). Kial li venas tiel malrapide? Kiel? Ĉu li suspektas? — Ĉu li malkonfidas pri mia kompatemo? — Jes, ĉe la ĉielo, li bone agus, lia verko finas, se li iras super tiun ĉi sojlon.

La pordo, kiu ĝojeli sin malfermis, poste li por ĉiam malfermiĝis. Nenia vöjö kondukas reen al la liberecö kaj al la vivö, sole timeme antaŭen al la buĉbenko. — Aŭskultu! Ili estas, ili venas! — Ĝoju, Hoangö!

## Deka sceno.

Babekan, Gustavo kaj Toni.

Gustavo (faliĝante antaŭ Babekan 'on). Lasu min danki, vere el plena brusto! — Vi liberigis min de la malespero. Mi ne havis plue kredon pri Dio kaj homoj. Esperon, feliĉon kaj vivon mi reĵetis malestime en la mondon. Jen mia anĝelo min kondukis al vi kaj feliĉo kaj espero restas por mi valoraj.

Babekan. Vi estas rapida, malsingardema junulo, metas vian vivon sur la korojn de la virinoj ne sciante, kiuj ili estas, kaj senzorgeme konfidante feliĉon kaj havon al la malbona okazo.

Gustavo. Mi rigardis ŝin (montrante sur Toni'n), kaj forgesis la malamon, forgesis la bataladon inter la nigruloj kaj blankuloj. Kiu povas ŝin vidi kaj ne havus senton en la koro, kiu ne estus kredo.

Babekan Kion vi kredis laŭ viaj okuloj, rigardu, tiu ĉi konfido devas meriti mian konfidon! Tiu ĉi domo apartenas al la negrokapitano Konjo. —

Kiam la kunveno vokis la parolojn: „Disrompita estas la jugo de ĉiuj sklavoj sur niaj insuloj!" Tiam ekkaptis tiu mortigema furiozo ankaŭ nian negron. Al lia propra majstro, kiu lin superŝutis per bonfaro, kiu donis al li monon kaj havon per malavara mano, li pafis la unuan kuglon en la kapon, bruligis la tutan plantejon krom tiu ĉi domo, en kiu mi malsatas por malmulte da favorpano, kaj eliris sur la sangplenan homĉason por mortkurĉasi kruele la blankajn fratojn. De hieraŭ li estas malproksime por alkonduki al la generalo pulvon tra viajn postenojn. Se li scius, ke mi kompateme vin enlasis, per mia vivo mi ĝin povus pagi.

Toni (mallaŭte), Ho patrino, patrino!

Gustavo. Ne maldankemulon vi devas malbeni je la blanka gasto! Multe da krimoj okazis, la Eŭropanoj multon tre ŝuldas; do ne ĵetu min al la restaĵo de mia nacio, pura estas mia koro pri tiu ĉi granda peko.

Babekan. Kiu vi estas? — Parolu! — Unue demetas la armilojn kaj oportuniĝu! — Tie ĉi vi estas certa. Vi vin terure armis.

Toni (timeme). Lasu lin, patrino! La armiloj estas la plej alta ornamo de la viro, kaj mi amas ornamitajn virojn.

Babekan. Malŝaĝa knabino!

Gustav (metante la pistolojn sur la tablon). Se vi permesas, mi oportuniĝas; ili certe estas ornamo, do ankaŭ ŝarĝo.

Toni (grave). Utila objekto neniam estas falica ludilo.

Babekan. Silentu, Toni! — Nun rakontu al ni.

Gustavo. Volonte! — Mi ne estas Franco, kiel vi baldaŭ rimarkos; Svisujon mi nomas mian patrolandon. De juneco mi sentis la sovaĝan emon pri aventuroj; kun senhaltema sopiro mi deziris al mi kuraĝe traveturi la larĝan maron kaj vidi fremdan landon kaj fremdan nacion. Jen la Francoj varbis siajn trupojn; mi onklo staris kun tri el siaj filoj jam sub la agloj de regimento, kiu direktis ĝiajn velojn Domingon. Jen mi rapide lasis mian patran bienon en la fidela mano de amiko, ŝanĝis la pacpalmon kun la sangplena glavo, kaj lasis min transporti per la baldaŭ traveturitajn ondojn en la landon de la mortigo. — Ni trovis vian nacion en sovaĝa ribelo, per sango ni aĉetis la pecon da lando, per sango la guton da akvo, kiun ni bezonis. La nigruloj ĉie venkis; nun kontraŭstaras Kapo Franco, la sola el ĉiuj ne jam venkita en la batallando. — Sed ni estis sieĝataj en Sankta Dofengo* prete defendi la lastan manon plene da tero. — Jen, la fortikaĵo kapitulacis per perfido; la negroj banis sin en la sango de la niaj, brulante kuŝis la urbo, samtempe en dektri anguloj ekflamis la flamsignoj, kaj ĉiujn ŝipojn, kiuj kuŝis en la haveno oni ekbruligis per pafoj,detruante nian lastan esperon kaj la forkuron per nekredebla furiozo. Rapide ni pakis la plej multekostan, mia onklo, liaj

*) Dauphin.

filoj kaj kvin servistoj, dek viroj, kuraĝe pretaj riski la ekstreman. Feliĉe ni batalante venis tra la sangplenajn stratojn, feliĉe tra malmultenombre okupitan pordegon. Malespere ni elektis nian vojon en la ribelantan landon, meze tra ĝiajn nigrajn mortigistarojn por atingi Kapon Franco, en kiu Generalo Roŝambo* defendas la lastan rifuĝejon antaŭ la kapitulaco.

Babekan. Kia kuraĝega risko! — Meze tra la malamikon, malmultenombra anareto igi sin la vojon!

Toni. Nomu ĝin heroaĵon!

Gustavo. Ne, nomu ĝin nur malesperon. De dekkvar tagoj ni erariras ĉirkaŭe serĉante dum la tago la malhelecon de la plej densaj arbaroj, kaj malrapide antaŭenirante dum la nokto. Ni estas senfortigitaj! — Ĉe la proksima mevlageto mi forlasis la aliajn. Se humana koro vivas en via brusto, sendas al ili nutraĵon, enprenu ilin gastame en vian domon. Vi savas dek homojn malbenitajn de la feliĉo: Ho, estu ilia anĝelo kiel vi estis mia! —

Babekan (flanken). Dek viroj? — Ne, tio povas iĝi danĝere. Tie ĉi mi devas estis energia — (Laŭte.) Amiko, vi postulas tro multe; dek virojn mi nuntempe ne povas akcepti en la domon sen krei multe da atento; nur ne nun. Ĉu vi vidas tie la fajrojn en la horizonto? — Jen estas gardfajroj de la granda amaso, kaj pli malgrandaj bandoj vagas ĉirkaŭe Jes, kiam estos certa ur la stratoj, tiam — — —

Gustavo. Ho, sendu al la amikoj nur refreŝigon kaj la belan sendaĵon de tiu ĉi espero.

Toni (flanken). Ĉe ĉiuj Sanktuloj, kion elpensas la patrino? — Dio, mia suspekto!

---

*) Rochambeau.

Babekan. Nu bone! Mi cedas. Ankoraŭ en tiu ĉi nokto nia servisto Nanki devas alporti trinkaĵon kaj manĝaĵon al la malfeliĉuloj. — Ĉe la mevlageto, ĉu ne?

Gustavo. Dekstre en la arbaro, kie staras tiu granda glanarbo.

Babekan. Jam bone, estu sen zorgoj! Dek viroj, vi diris?

Gustavo. Mi estas la deka.

Toni (mallaŭte). Cu tio esta mia patrino, kiu povas perfidi tian facilkredeman koron? —

Babekan. Nun, Toni, rapidu kaj montru al la fremdulo la rifuĝejon, kiun mi povas doni al li. Mi dume volas pretigi la malgrandan manĝaĵon! Sur tiun ĉi tablon vi metu la tablotukon.

Toni (Prenante sur la brakon la mantelon kaj la pistolojn de Gustavo). Nun venu!

Gustavo. Mi sekvas al vi.

Toni. Fremdulo, estu sen zorgoj! La patrino transdonis vin al mia flegado; venu, blanka gasto, mi volas esti via anĝelo. (Foriras kun Gustavo tra la maldekstra pordo.)

## Dekunua sceno.

Babekan (sole) Ŝi volas esti lia anĝelo? — Malsaĝa kreaĵo. — La anĝeleco nur malmulte da horoj daŭros. — Nun decidiĝas, Babekan! Nun virina ruzeco helpu al mi! La unu oferaĵon mi ne nur volas, la tuta blanka bando estu dediĉata al la mortiga ponardo de Konjo. — Pri Toni mi ne povas fidi, ŝi estas infano, ne kapabla pri grandaj entreprenoj, ŝia koro pendas je la nacio de sia patro; nu bone, tiel mi plenumas ĝin

tute sole; Hoango trovis indan amikinon; li devas esti kontenta pri mia faro (foriras).

### Dekdua sceno.

Gustavo kaj Toni venas el la maldekstra pordo.

Toni (Montrante tra la pordo). Tie vi estas certa. Antaŭe tie ĉi loĝis la posedanto de la plantejo. — Li estis bona sinjoro! Li min tiel amis, li estis tiel bona, donis al si multe da peno pri la malgranda Toni. La granda Dio rekompencu lin! Nun ĝi estas malplena; malproksime de la laŭta strato! Tie ĉi neniu devas serĉi vin.

Gustavo. Mil dankojn por via zorgemo, bona, ĉarma knabino.

Toni. Nun mi alportos al vi refreŝigan manĝaĵon, kiel la domo povas; tiam vi dormu, tute dolĉe kaj trankvile dormu, — Toni gardos.

Gustavo. Vi bona infano! (Toni foriras kaj revenas pretigante la manĝaĵon.) Kia bona Spirito alkondukis min al tiu ĉi anĝelo. Mi fartas tiel bone, kiam mi ŝin vidas, kiam mi povas aŭdi la magian sonon de ŝia voĉo; forgesita estas tiam ĉia mizero de la vivo, la malluma mortiga batalado de la tagoj kuŝas malhele poste mi kiel peza sonĝo.

Cu tial la severa mano de la sorto ĵetis min sur ribelantan insulon, ke en la multkolora mirakloludo de la okazo la orajn printempsonĝojn de la unua amo floras al mi sur la sangsterkita tero? — Ho Toni! Toni!

Toni. Ĉu vi vokas min?

Gustavo. Mi vokas vin ĉiam, kiam mi pensas.

Toni. Rigardu, tie ĉi la malgranda noktmanĝaĵo estas afable pretigita al vi. Ĉu vi postulas ankoraŭ ion? Diru ĝin baldaŭ, antaŭ ol patrino Babekan iras en la liton.

Gustavo (ekprenante ŝiajn manojn). Ĉu vi zorgas pri ĉia fremda gasto kun sama fervoro?

Toni. Al ĉiuj bonaj homoj mi volonte servas.

Gustavo. Parolu, ĉu vi kredas min por bona?

Toni. Vi kredis pri mi, antaŭ ol ni ŝanĝis amikan parolon. Vi kredis pri humana koro. Sole bonaj homoj havas tian kredon; kiu ankoraŭ fidas, tiu ne povas esti malbona.

Gustavo. Mi estas ankaŭ bona, mi povas ĝin ĝoje diri; la tempo kuŝas poste mi senkulpa, mi kontraŭstaras al la lasta horo sen timo!

Toni. Vi ne devas morti, ne! Mi vin kondukis en tiun ĉi domon, vi sekvis min, metante vian vivon je mia honesta okulo; mi elkondukos vin, ĉe la granda Dio! Mi volas vin savi aŭ morti kun vi.

Gustavo. Kia spirito ekprenas vin? Kio vin ekprenas? Ĉu mi estas en danĝero? Ĉu oni perfidis min?

Toni (trankviliĝante). Estu trankvila, fremdulo, ne zorgu pri vi; mi garantias al vi per mia propra vivo.

Gustavo. Ĉu vi plorus, se la ponordo de la mortigisto serĉas en tiu ĉi brusto mian koron? Parolu, ĉu vi havus la dolĉan doloron de la larmoj por la mortinta junulo?

Toni. Dio en la ĉielo!

Gustavo. Respondu! Estas do tro bele, se iu vivas, kiu florgirlandojn por mortintoj plektas, se oni scias, ke ekzistas ankoraŭ bonaj homoj, kiuj funebrante staras ĉe la frua kadavro.

Toni. Ho, ne turmentu min!

Gustavo. Vi ploras! — Lasu tiujn ĉi perlojn, la plej valorajn, kisi el la okulo! Vi ploras pri mi? — Parolu, ĉu vi iam amis, ĉu vi jam sentis la plej altan feliĉegon de la tero, la plej altajn dolorojn de la tero? Ĉu vi amis? — Rigardu, kiel vi aperis al mi, anĝelo el la pli bona mondo, mi sentis kvazaŭ nova vivo komencis en mi. Mi estus sekvinta vin, se mi jam estus sentinta la ponardojn de la mortigistoj en mia brusto. Mi nur havis unu senton en la animo kaj mirinde, kiel en la miraklo de la printempo estis tuŝita la sovaĝa koro. Tial mi ne povas ĝin konservi en la fundo de la animo, kio min igis tier gaja, tiel feliĉega! — — Vi ankoraŭ ploras? — Nur solan parolon, pro Dio ne la malluma silento! — Ĉu vi amis? ĉu vi amas? — Nur unu parolon knabino, ĉe la pureco de via koro!

Toni (liberigas sin, venkite per sia sento, per pantomino, kiu montras timon kaj amon, el la brakoj de Gustavo kaj forkuras tra la pordon).

Gustavo (postkurante al ŝi). Toni! Toni!

(La kurteno falas.)

## Dua akto.

### Unua sceno.

(La ĉambro de la fino de unua akto.)

Gustavo (venas el la maldekstra pordo). Ankoraŭ neniu tie ĉi? — Estas tro frue je la tago. Mi ne povis dormi; mi sole vekiĝis! — Do volonte mi fordonas la dolĉan pacon de la dormo por tiuj oraj

printempsonĝoj, kiujn mi sonĝis kun maldorma vivĝojo. —

Ho Toni! Toni! — Trankvile kaj mirinde do la spirito kondukas la fidantajn korojn tra la subirantan genton de iliaj tagoj, en malproksimaj mondoj ĝi serĉas samajn animojn, ĉe bordoj, pri kiuj nenia songo pensis, en valoj, en kiujn nenia fremda paŝo iris, en la bruado de la milito, ĉe la sunradio de la feliĉo, kaj profunde ĉe lasta rando de la malespero ĝi kondukas al la koro la parencan, kaj portas la amon venkante, en la vivon! — Estis sovaĝa puŝado en la brusto, mi nomis ĝin sopiron pri proksimaj mondoj, pri aventuroj kaj iris foren, por penti la sovaĝan emon. — Tamen ĝi ne nur estis la petola sento, la riskado kaj gajnado de la sovaĝa juneco, ĝi estis la miraklosono de la koro, ĝi estis la silenta voko de la malvaste parenca animo. (Li staras pensante.)

## Dua sceno.

Gustavo. Toni.

Toni. Ĉu mi povas vin ĝeni?

Gustavo. Ha, vi estas, mia knabino!

Toni. Ĉu vi jam estas maldorma?

Gustavo. Parolu, ĉu mi devus dormi? Cu mi ankoraŭ povis pensi kun tiu ĉi varmega brusto pri la malplena paco de la dormo? —

Toni. Do, vi bezonis refreŝiĝon.

Gustavo. Knabino, se en la koro la pulsoj tiel batas, obeas la kontraŭstaranta naturo volonte al la granda majstroparolo de la animo! — Ĉu vi dormis?

Toni. Ne, mi ne povis. La nigraj bandoj preteriris senĉese nian domon. La generalo, tiel mi aŭdis,

kolektis la tutan potencon de la negroj por ataki Kapon Franco; morgaŭ devas la sangdediĉita tago finigas la estrecon de la blankuloj.

Gustavo. Tiam estas la lasta tempo, nenia momento devas esti perdata. — Kie estas la patrino, por konsili kun ŝi la malfacilan riskaĵon de la savo? Mi tuj devas elen.

Toni. Pro Dio! Ankoraŭ la tuta postarmeo estas tie ĉi! Nur ne nuntempe, vi estas perdita, viaj amikoj ankaŭ, se la rapida kuraĝo delogas vin al tiu ĉi paŝo.

Gustavo. Do kiel mi savas ilin? — Kiel mi vin savas? Ĉu vi volas resti en la lando de la mortigo, kun via delikata virga sento, fremda gastino ĉe tiu ĉi sangema nacio? — Ne, venu kun mi, venu en vian patrolandon, alligu vian vivon al la vivo de la amiko! Konfidu al mi, venu Toni!

Toni. Mia patrino, ĉu mi devas ŝin forlasi?

Gustavo. Ho, ŝi iros kun ni!

Toni. Al la fremda junulo mi devas konfidi, kiu aperis al mi hieraŭ la unuan fojon?

Gustavo. La amon ne havas mezurilon de la tempo; ĝi ĝermas kaj floras kaj maturiĝas en unu bela horo. Ŝajnas al mi, ke mi vin jam longe amas, tiel longe mi povas pensi! — Mi konas vin, de mi konas la belon kaj la bonon. Diru, ĉu mi malĝuste komprenis la potencan sentaĵon, kiu hieraŭe okupis vin? Ĉu vi nur la larmon de la kompatemo havas por mi, nur kompatemon kaj ne amon por amo?

Toni. Estu do kompatema pri la malforta knabino! Vi vidas, superfluega sentaĵo ne lasas la sekreton en mian koron. — Estu do kompatema! — Jes, mi sekvas vin — mi ne havas patron; mia patrino

malvarme repuŝas sian filinon, ho prenu min kun vi en la landon de la amo, prenu la tute forlasitulino ĉe la bruston de la amiko.

Gustavo. Dio, mia Toni! — Kia feliĉego do maturiĝas sur tiu ĉi mizera mondo! — Nu, Toni, longa estas la vojo, kiun ni kune iras; jen estas mia virmano, mi ne forlasas vin, ne en gajo kaj doloro. Vi estas mia edzino! — Nun rapide, por realigi la savon; Tuj mi konfesas al la patrino.

Toni. Dio! Tio estus la plej mallonga vojo nin pereigi. Aŭskultu min, mi volas vin savi, aŭskultu min! Teruran sekreton, ankoraŭ kuŝas en mia tre turmentita brusto! Vi estas — — — ho Dio, la patrino! — Agu ŝajne tute senzorgeme kaj konfidante al ŝi blinde.

Gustavo. Kion signifas tio? Parolu!

Toni. Silentu! Mi petegas vin!

## Tria sceno.

Babekan kaj la ambaŭ.

Babekan. Ej, fremdulo, ĉu valoras al vi tiel malmulte la bono de via mastrino, ke vi venas tiel senpripense en tiun ĉi antaŭan ĉambron? — Vi scias, kiel nia kompatemo estus danĝerdona por mia vivo, se oni ĝin ekscius!

Gustavo. Ho, pardonu la amikecon! Mi volis scii kiel fartas la amikoj. Ĉu vi jam sendis al ili?

Babekan. Jam venis reen tiu kuranto, elparolinte al mi parolojn de varmega danko por mia malsevera zorgemeco.

Gustavo. Krom tio ne alian komision?

Babekan. Nenian!

Gustavo. Dio rekompencu, kion vi faris por ni malfeliĉuloj!

Babekan. Nur rapide en vian rifuĝejon, mi lasos voki vin, kiam ĉio estos sendanĝera.

Gustavo. Mi iras (mallaŭte.) Ĉu mi devas, Toni?

Toni (mallaŭte). Ne timu! Fidu al via fianĉino, ŝi savos vin.

Gustavo (mallaŭte). Mi kredas al vi! — Dio ja estas ĉie! — (Foriras.)

## Kvara sceno

Toni kaj Babekan.

Babekan. La sensingardemulo! — Tien li iras; la paŝojn li baldaŭe kredas baldaŭ reendirekti, li sonĝas esti en freŝa vivkuraĝo, senzorge forgesante la landon, en kiu li staras, kaj jam estas transliverota al la sangemaj dioj. Ĉu tio estas la altlaŭdita saĝeco de la blankuloj? Fi, fi, vi nenionpovantoj! Lernu ĝin per la negroj, lernu tie ĉi la kompatemon de la venĝo, lernu la kompatemon de la perfidulo en Domingo.

Toni (kuŝante sin antaŭ la piedojn de Babekan). Patrino!

Babekan. Kio vin atakas?

Toni. Kompatemon, patrino!

Babekan. Por kiu!

Toni. Por via blanka gasto! Ĉu vi do ne havas alian senton en vi krom malamo kaj venĝo? — Se vi ion tenas sankte sur tiu ĉi mondo, ĉe mia devo ĉe via patrina amo, ĉe la disverŝita sango de via nacio, kompatemon por la blanka gasto! — Ĉu vi volas trapiki inside la malkaŝitan bruston, kiu senzorgeme renkontas vian ponardon? — Patrino, ĉe

la esperita feliĉego de la ĉielo! Kompatemon por la fremdulo!

Babekan. Ĉu vi estas freneza? Ĉu mi devas rifuziĝi pri la venĝo, pri la volupto de la rekompenco pro la larmo de infano? Perdi la nereporteblan momenton, kiun mi de dekses jaroj enplektis en miajn varmegajn sangpreĝojn, ĉar knabino ploregas antaŭ miaj piedoj? — Ĉu mi ne rakontis al vi, kiel via patro kunprenante min Francujon, blindigis per mil artoj sentaĵon kaj koron, kaj karese ŝtelis al mi la favoron de la amo? Kiel li min tiam transliveris al la honto, vin, Toni, lian filinon, en la juĝejo malkonfirmis per grandega falsa ĵuro? Ĉu vi forgesis ĝin, ĉu la sango de la fihomo, la heredaĵo de via patra honto, havas tiel sennervigantan potencon super vi, ke vi pensas pri kompatemo kaj pardono?

Toni. Patrino! Ĉe la ĉiopotenca Dio tie supre, ne prenu al mi la kredon pri la humaneco, la lastan ligilon, kiu kunligas infanon kaj patrinon! — Pereigu min! Nur, patrino, malhelpu, ke via filino ne malbenu la ventron, kiu ŝin portis, ke ŝi senhonorigu la sanktan nomon de la patrino!

Babekan. Riskemulino!

Toni. Dio pardonu al mi la parolon! — decidu inter vi kaj mi. Rigardu, tie ĉi antaŭ viaj piedoj mi kuŝas, mi ĉirkaŭprenas viajn genuojn. Patrino, havu kompatemon! Ho ne enigu viajn manojn en sangon, en senkulpe frue disverŝutitan sangon! La sangplenaj semoj alportas sangplenan frukton. La ĉielan floron de la kompatemo igu prosperi, ne devigu min naŭzeme malestimi tion, kion mi devas estimi, kion mi devas ami.

Babekan. Ne pluen, perfidulino se mi ne devas perfidi la belan parolon al la negro. Silentu, nenion plue!

Toni. Kaj se la tuta furiozo de Hoango min trefos, se mi devas iri al certa morto, nenio povas min devigi, nenia potenco de la tero; mi riskas vivon, feliĉon kaj amon, la fremdulo devas esti savota, kaj se mi mem estus la kuraĝa oferaĵo! —

Babekan (kun terura malvarmo). Se vi parolas tiel? Nu bone, ne estas mia kulpo ne estas mia eraro, se li la blankulon ne kaptas vivante.

Toni (mallaŭte). Dio! Kion ŝi elpensas? Ne kaptas vivante! Mortinta, sekve mortinta! — Ho, terura suspekto, kiun mia patrino kondukas en mian vivon! — (laŭte.) Nun, patrino, patrino! Juĝu tiu en la ĉielo inter vi kaj mi! Mi pagis mian ŝuldon. Vi disŝiris ĉian ligilon de la amo, sufokis la sonon de la patrina nomo; vi liberigis vin de la homkoro, kaj tiel mi ankaŭ liberigas min de mia devo, la infano, kiun vi naskis kun doloroj, vi prenas la ponardon, ĝi estas perdita por vi.

(Foriras.)

## Kvina sceno.

Babekan (sole). Ĉu tio estis mia infano? Kia fajro brulis en ŝia brusto! Ĉu tio estas la voĉo de kompatemo? Ne, ne, tio estis la timo de la pasio; la blanka fremdulo erarigis ŝian koron — (Ŝi malfermas la ŝrankon kaj ŝutas pulvoron en laktkruĉon.) La ekvekinta amo de Toni povus facile detrui, kion la patrino saĝe elpensis. — Unue la knabinon foren. — En la kelo estas spaco per mil malobeemaj filinoj, tiam nur du horojn tempon, kaj kiam Hoango ne jam estas reveninta, tiam la blanka gasto trinkas rapide efikantan venenon preparitan en tiu ĉi lakto.

Kvin aliajn kruĉojn mi sendas en la arbaron kaj tiel kunkonstruas la domon de la libereco kaj volas meriti al mi la burĝokronon. (Foriras.)

## Sesa sceno.

La scenejo ŝanĝiĝas en alian ĉambron en la domo de Hoango, kun unu elirejo kaj unu pordo.)

Gustavo (kuŝas dormante sur divano). Toni eniras kun ŝnuro en la mano).

Toni. Li dormas! — Tiel dolĉe, kiel la fido dormas, tiel trankvile, kiel nur senkulpeco dovas dormi. Sankta paco fermas la klarajn okulojn, kaj karaj bildoj dancas ĉirkaŭ li. — Eble mia bildo, eble la doloroj de la amo. Devas esti bela sonĝo, kiun li sonĝas, ĉar gajaj estas liaj mienoj. — Tiel li dormu, ne mia tremanta parolo ekvekigu lin el lia feliĉego. Mi lin ne volas tiri en la maldolĉan vivon! — Li ankoraŭ sonĝu pri la paco de la ĉielo, kiam la perfido jam metas siajn kaptilojn kaj pretigas al li la sangplenan pereon, gardas do la amo! — Kiam la momento, la rapidiranta filo de la okazo, venas rapide en la vivon, kiam mi povas riski la kuraĝan savon, tiam mi ekvekigos lin. — Tiu ĉi ŝnuro portas nin suben, kaj per kaŝitaj vojetoj mi kondukos lin Kapon Franco al la parenca nacio. —

Gustavo (sonĝante). Toni! Toni!

Toni. Li vokas min, kaj li dormas ja tiel dolĉe! Ĉu mi lin devas ekvekigi? — Estus do pli saĝe pripensi kun li la riskaĵon de la savo. — Bone, mi lin ekvekigas! Per delikata kiso mi lin volas konduki en la maldolĉan vivon, ke li pardonu al la senkompatemulino, kiu lin malsuprentiras el la lando de la

songoj. (Ŝi klinas super lin por kisi lin, en tiu ĉi momento ŝi aŭdas bruon.)

Kion mi aŭdas? Kiajn voĉojn? — (kuregante al la fenestro). Dio en la ĉielo! Estas Hoango kun liaj negroj, — Babekan raportas diligente al li la mortigraportaĵon. Ha, kiel li diable ridas! Kiel li rigardas la ponardon, la sangplenan! — Dio estu kompatema! Li montras supren! — Ili jam iras en la domon. — Restas nenio kiel morti kune kun li! — Nenio? Nenio sur tiu ĉi tuta granda mondo? Nenio, kio min povus savi? Nenio? — Dio, Dio! Mi jam aŭdas ilin sur la ŝtuparo! — Konjo furiozas; — Kaj nenia savo? Nenia? — Ha, nun ekiras per fulmoklareco tra mian cerbon! — Tio estis montraĵo de la ĉielo, kaj Dio estas ankoraŭ kompatema! (Ŝi ekprenas la ŝnuron kaj metas ĝin kelkajn fojojn ĉirkaŭ Gustavon kaj la divanon, tiel ke li kuŝas nemoviĝeble.)

Gustavo (ekvekiĝante). Kion vi faras, Toni? Dio, kio signifas tio?

Toni. Silentu!

Gustavo. Mi estas perfidita!

Toni. Silentu! Estas pro la vivo! Se vi amas min, vi ankaŭ kredas pri mi.

## Sepa sceno

Hoango kaj Babekan kun du negroj, kiuj stariĝas kun armiloj ĉe la pordo. La aliaj.

Hoango. Kie estas la blanka fihomido? — Kie estas la malhonestulino, kiu volis nin perfidi? — Ha, tie ĉi vi estas! — Parolu! Ĉu li jam forkuris? Kien li estas? — Ĉe la venĝo de mia nacio, kie

estas la fremdulo? — Tiu ĉi konfeso estas la lasta, kiun vi konfesas al nia suno.

Toni. Kio vin ekkaptas, Hoango? — Ĉu vi furiozas, majstro, ke vi ekprenas min furioze? — Kion mi do faris? Pro kia grandega kulpo oni kulpigas min?

Babekan. Ho, senlima malĝentileco!

Hoango. Ĉu vi ne intertraktis kun la Franco? Ĉu vi ne helpis lian forkuron? —

Toni. La furiozo vin ŝajne blindigas? — Vidu tien kaj dankas al la Toni!

Babekan. Kio, la Franco?

Hoango. Patrino, kion tio signifas? — Ĝoju, blanka gasto, vi plaĉas al mi por plibeligo de la noktmanĝo. — Kiel la sango tuj ribelas en la koro, kiam mi ekkonas nur la koloron de la malamiko. — Likvidu kun la ĉielo!

Gustavo. Dio! Ĉu mi devas morti per tiuj ĉi mortigistaj manoj? Ho Toni! Toni!

Hoango. Nun parolu! Kiu ekkaptis la Francon? Jam longe mi kredis la Francon forkurintan. Patrino Babekan denuncis vin kiel perfidintinon.

Toni. Mi bedaŭris la junecon de la fremdulo, mi forgesis, ke mi apartenas al Domingo, kaj volis lin savi. — Kiam mi de la patrino tien ĉi kuregis, mi ekstariĝis antaŭ la pordon, sur kiu pendas la ordono de Desalino, de nia generalo, mortigi la blankan nacion de la viperoj, anoncante la libercon al la brava nacio de Domingo. Tio falis peze sur la trompitan animon, mi estis mallaŭdinta la patrinon, ofendinta vin: Rebonigi mi devis, se vi devus pardoni. Mi trovis la fremdulon dormantan; forkuri li pensis en la mallumo de la nokto, tion mi sciis. — Tuj mi

ekprenis tiujn ĉi ŝnurojn kaj ĉirkaŭligis lin. — Nun mallaŭdu min vigle, se vi kuraĝas, se mi tion meritas. Ce Dio, tio ne estis mia plej malbona faro!

Hoango. Brave, knabino, brave! — La ĉielo vin jam koleris per fihomkoloro, tamen la cerbo iĝis laŭ via patrino. Kion vi diras, Babekan?

Babekan. Majstro, mi ne komprenas la knabinon. Se vi estus aŭdinta ŝin; ŝi estis kvazaŭ tute aliigita.

Hoango. Estu trankvila, patrino!

(Al negro.) Dalmaro serĉu la tutan bandon, gaja pafado devas nin gajigi, la blanka gasto devas esti nia celtabulo — Donu al mi la pafilon, Omaro! (Li ekcelas.)

Gustavo. Estro de la ĉielo!

Toni. (Ĵetante sin inter Hoango kaj Gustavo). Ekhaltu, Konjo, ekhaltu! Ne tiun ĉi rapidan faron! Ĉe la tuta venĝo de via nacio! — Ne detruu la sekretan iron de pli granda entrepreno!

Hoango. Kion? Ĉu la hundo devas vivi eterne? — Ne malhelpu min! Nur premon kaj mia kuglo portas la morton en la kondamnitan bruston!

Toni. Ĉe la libereco de Haitujo! Ekhaltu! Ĉu unu oferaĵo sufiĉas al vi? Ĉu vi volas lasi forkuri naŭ aliajn fihomojn? Donacu al li ankoraŭ kelke da tempo la vivon, devigu lin inviti je la morgaŭa mateno la amikojn en nian domon. Estus danĝerplene bataladi kontraŭ la malesperantoj ĉe la mevlageto. Li skribas nur tri vortojn, kaj senzorge ili venos kaj sen batalado vi povas mortbuĉi la oferaĵojn.

Hoango. Bona konsilo! — Jes, jes, mi obeas al vi. — Kion, Babekan, kion vi pensas? —

Babekan. La prokraston de justa venĝo ne estas bone farita. Do vi estas la estro, vi decidu.

Hoango. Restas kiel mi diris!

Toni (mallaŭte). Dio, via potenco estas granda!

Hoango. Dalmaro, diru al la fratoj, nia taglaboro estas farita; ili refreŝiĝu kaj atendi je la morgaŭa mateno mian signalon. — Sed vi, fihomo, preparu vin por la vojaĝo, la venonta mateno finos vian vivon, kaj tiu ĉi kuglo estas por vi!

Gustavo. Ekpremu! Estu je la unua fojo kompatema! Pensu, mi estu blankulo, estu malamiko de Domingo; traboru koron, kiun tiu kruele rompis. Ho Toni! Toni!

Toni (mallaŭte). Dio, li ne kredas pri mi!

Hoango. Via ĝemo estas muziko por miaj oreloj, la timkriado de la malamiko mia plej kara kanto. La vivo estas turmento por vi? Vi volas morti? Vi vivu ĝis la nova suno, mi konservos vin por mia venĝo. (Al negro.) Vi garantias por li per via kapo. — (Al Babekan kaj Toni.) Nun venu, mi estas avida pri manĝaĵo kaj trinkaĵo kaj kelkan rakonton mi povas raporti, ĉar tre riĉe benita estis la lasta ekskurso. (Forias kun Babakan.)

Toni (Uzante la favoran momenton al Gustavo). Dio estas kompatema! Portu viajn ĉenojn kaj fidu al Dio; la amo devas vin savi. (Foriras rapide.) (La kurteno falas.)

## Tria akto.

### Unua sceno.

(Arbara regiono.)

Kolonelo Stremli, Ferdinando. Adolfo, Eduardo kaj kvar servistoj. (Ĉiuj estas armitaj.) En la malantaŭejo kvina promenadas gardostarante.

Stremli. Ankoraŭ ĉiam sen sciigo! — Ĉu Gustavo ne povus trovi ian vojon? Ĝis Kapon Franco

nur povas esti kelkajn horojn. La knabo parolis pri rapida reveno. Mi ne povas kompreni tion.

Adolfo. Kuzo Gustavo certe atendos ĝis la nokto; ĉar multe da nigraj bandoj kuras sur la multe irata strato, kaj facile danĝera estus la vojo.

Ferdinando. Mi pensas estos plej saĝe, se kuraĝa piedo riskus iri ĝis la angulo de la arbaro. Tie la rigardado sur la larĝan ebenan landon devas perfidi la starejon de la malamikoj.

Eduardo. Patro tien sendu min! Mi ĝis nun nenion faris sole.

Stremli. La konsilo estas bona kaj saĝa, do ĝi postulas ankaŭ la spertan viron; tial mi volas mem . . . . .

Adolfo. Ne, patro, neniam! Ne estu riskema ludanto, ne metu la plej altan havon sur sola karto. Kion vi perdas, estas nia propraĵo, ni ĉiuj havas rajton pri via vivo!

Eduardo. Adolfo parolas ĝuste; lasu min riski ĝin! Se renkontas homa sorto min, kion mi valoras? Vi povas savi vin feliĉe; do kio trefas vin, tio kuntrefas nin. Tie ĉi estas la loko, sur kiu ni estas morteblaj!

Ferdinando. Permesu, patro!

Adolfo. Permesu al li!

Stremli. Li iru! Foriru, mia brava filo! Tie okcidente ĉe la plej malproksima angulo de la arbaro estas la celo de via migrado. Tie ĉirkaŭrigardu kaj esploru pri la starejon de la ribelantoj. Dio estu kun vi! — Kun tiu ĉi patrokiso mi adiaŭdiras al mia heroanima filo.

Eduardo. Patro, adiaŭ! Adiaŭ, vi fratoj! Baldaŭe mi revenos, Dio volu, kun gaja raporto.

Stremli. Kiam vi ne plu renkontas nin ĉe la mevlageto, tiam ni estas ekforirintaj al la protektanta plantejo; vi scias la vojon. Adiaŭ!

Eduardo. Ĝis la revido! (Foriras.)

## Dua sceno.

Ĉiuj sen Eduard.

Stremli. Brava knabo! — Mirinda sorto, kiel vi edukas al vi viajn virojn! Parolu, infanoj, ĉu vi suspektis tion en tiu ĉi facila sento, kia riĉa trezoro kuŝas en ĝi kaŝite? Mi vin ĉiujn nun pli amas, pli sangforta ligilo teksas sin nun ĉirkaŭ nin, ol iam sangparenceco ligis ĉirkaŭ la korojn. Tri filojn mi kondukis en la ventegon de la mondo kaj kun tri amikoj mi feliĉe revenas? —

Ferdinando. Ne forgesu nian bravan kuzon; se vi malŝparas vian tutan laŭdon super ni, kio restas por la heroo, kiu belan vivon dek fojojn forĵetis, se estis necese por la amikoj. Gustavo ĉiam estis la unua en la batalo, kaj la lasta, kiu metis la glavon en la ingon. Kiu el ni ne dankas al li sian vivon? — Ĉu li ne du fojojn vin liberigis, kiam la fortikaĵo Dofengo kapitulacis en tiu sangriĉa vespero? — Se ni tiel facile jam plenumis nian devon, kiel mi devas nomi tion, kion Gustavo kuraĝe faris?

Stremli. Ĉe Dio li bataladis, kiel decas al la Sviso, al la brava nepo de la Vinkelridoj; li sin enaĉetis en mian amon, li elbatalis min kiel patron. Kaj viro riĉigita pri bravaj filoj kaj amikoj, mi laŭdas la Dion, kiu min ĵetis en tiun ĉi sangplenan bataladon.

La gardostaranto. Knabino kuregas al ni per la vojeto, rekte al ni!

Stremli. Negroknabino?

La gardostaranto. Ne, unu el la niaj; nun ŝi ekvidas min. — Ŝi faras al mi signojn — ŝi pli rapidigas sian paŝojn.

Stremli. Kion ŝi volos? — Infanoj, pretigu vin! (Ili leviĝas kaj iras renkonten al Toni.)

## Tria sceno.

Toni, la aliaj.

Toni (preskaŭ senspire). Ĉu vi estas el la fortikaĵo Sankta Dofengo? Jes, vi estas Francoj, vi estas! Dankon al Dio, mi estas ĉe vi, mi estas ĉe liaj amikoj!

Stremli. Parolu, kion vi volas?

Toni. Rapide, al la armiloj! Ne malŝparu momenton! Ho, kara vivo pendas en la senfidela flugado de la minutoj; rapide, kiu portas kuraĝon kaj amon en la koro! Li estas pereanta en la pliej proksima horo! Ne, demandu min longe, ne demandu, min longe, ne demandu! Savu! Savu!

Adolfo. Dio, kia suspekto!

Stremli. Parolu! Klarigu vin! Kiun ni devas savi? Kiu bezonas la helpon?

Toni. Ĉu do la nomo „homo“ ne sufiĉas al vi? Cu mi ankoraŭ devas diri: estas via frato! Estas pro la juna Franco!

Stremli. Dio en la ĉielo! Mia Gustavo!

Ferdinando. Malfeliĉa amiko!

Adolfo. Parolu, knabino! Ĉu li estas savebla, kaj je kia prezo? Ĉu povas esti savata per homvivo? Kion mi povas fari? Tie ĉi estas brako, koro; kaj ambaŭ mi ĝoje donas por la frato!

Toni. Li estas kaptita de la nigruloj. Hodiaŭ li jam devis morti, do la mallongan prokraston mia terura konsilo atingis. Fidante al vi, pensante pri via helpo, mi forkuris feliĉe, Dio gardis min. Kaj nun sekvu min, sekvu min, li estas savebla! La tromulto de la negroj ne timigu vin. Mi kondukos vin tra la malantaŭan ĝardenpordeton! La nigruloj dormas, ne pensante pri batalado, en siaj staloj. Iliaj pafiloj staras en la korto kunmetite. Per malmulte da batoj ne per najloj ŝlosas la stalojn, savas lin, kaj poste mi kondukas vin per sekretaj vojoj Kapon Franco. — Venu, venu, kial vi ŝanceliĝas? Ĉu la amiko al vi ne pli valoras ol la vivo?

Stremli. Rapide, infanoj, rapide! Estos la plej bona faro kaj se ni devus pagi ĝin per nia sango; ni nur pagas antaŭan ŝuldon! — Li riskis kuraĝe por ni sian vivon: Vivon por vivo! Sangon por sango! Tiu estas kanajlo. kiu ankoraŭ povis ŝanceliĝi.

Toni. Donu al mi glavon! — Ankaŭ al la manon de virino donas la malespero la forton de giganto, kaj ĉe la amo estas la heroa kuraĝo, kaj ĉe la amo estas la venko. — (Adolfo donas al ŝi sabron kaj pistolojn, kiujn ŝi metas en la zonon.) Mi dankas al vi! Nun, bravaj amikoj, venu; La brila ŝtalo ĉasas kuraĝajn flamojn en la timeman animon, kaj inter amo kaj vivo mi devas elekti. Kiom voloras la morto? Kiu demandas min, ĉu mi elektas? — Se ankaŭ la kuraĝo malvenkas la sorton, la pli bona kredo nin devas plialtigi; ekzistas pli nobla objekto ol la vivo, kaj ĝoje ĝi estu donata por ĝi! — Dio estas kompatema kaj la amo venkas! (Deiras.)

Ĉiuj. Dio estas kompatema kaj la amo venkas! (Ciuj deiras.)

## Kvara sceno.

La ĉambro de la fino de la dua akto.
Gustavo ĉirkaŭligita, negro staras gardon ĉe la pordo.

Gustavo. Foren, malvera bildo! Foren! Ne detruu la lastan kredon de la koro, la solan havaĵon, kiu restis al mi. — Neniam elpensita friponaĵo, — Virino hipokritas la dolĉajn miraklosonojn, ludas malhoneste kun la plej sankta sentaĵo kaj pensas en la brako de la amo pri krimoj! Kaj tion povis Toni? — Ŝi, por kiu mi ĝoje estus forĵetinta feliĉon kaj vivon, ŝi povis vidi maturiĝi tiun ĉi kruelan perfidon en sia animo? — Ne! Tiel granda estas nenies homo honto, tio estas transe la limoj de la naturo, tio superas la limŝtonon de la kreado; tian diabloaltaĵon ne atingas virino! — Danĝere restus flegi gekolombojn, danĝerportante estus la printempodoro de la lilio, la kvieteco de la ŝafido iĝus krimo, se tiuj ĉi okuloj estas hipokritintaj, se tiu ĉi koro estis mensoginta la miraklon de la senkulpeco. — Ne, Toni, ne! Vi tion ne povas! Via parolo venis el la profundoj de via brusto. Kompreninta vin mi ne estas, do kredi pri vi mi volas.

## Kvina sceno.

La aliaj, Hoango.

Hoango (al la negro). Iru en la korton kaj tie atendu nun; la blankulo ne bezonas gardiston, li ankoraŭ hodiaŭ devas morti! — (La negro deiras.) (Al Gustavo.) Nu, sinjoro gasto! Ĉu plaĉas al vi en Domingo? Ne antaŭsciis tiel afablan mastradon? Jes, jes! Ni estas ĝentila nacio.

Gustavo. Ve al vi! Car vi mokas ankaŭ pri la kaptitan.

Hoango. Moki? Cu vi tion ne meritis? Kiel? Cu vi ne fanfaronis malĝentile, la malmultenembran negropopolon venki per la fulmo de la okuloj? Ne, ĉe la tuta malbeno de la infero! Ne! Tion vi ne devas, tion vi ne devas! Pereon al la viperidoj! — La blankaj hundoj falas al la prapatroj de profunde subpiedigita nacio kiel sanga rebonigo por la sangplena kulpo.

Gustavo. Cu mi do volas kompatemon? — Cu mi diras pri pardonon? La Francoj semis multekostan sangon, frua gento kulpiĝis pri malfrua kolero. Nun staras ni, la pli bona nacio de la nepoj, sur tiu ĉi tero; sango estas ekkreskinta, kaj senkulpe ni mortas por fremda kulpo — tio estas la eterna leĝo de la vivo. Plenumu ĝian ordonon, tie ĉi estas mia koro, se vi havas la kuraĝon, per la mortigista ponardo difekti sengarditan vivon. — En orda batalado mi pardonas vian furiozon, en ĝi falas la frato per la batoj de la fratoj; do la kaptita malamiko .....

Hoango. Ne estas milito, kiel la reĝoj de la tero batalas ĝin; tie ĉi la tuta devizo de la mondo valoras nenion. Vi devas esti pereigataj, tute pereigataj; ĉar tie, kie ekzistas blankuloj, ankaŭ ekzistas ankoraŭ sklavoj, kaj libera devas la vivo esti sub tiu ĉi ĉielo! (Oni aŭdas pafon.) Kio estis tio? —

## Sesa sceno.

La aliaj, Babekan.

Babekan. Rapide, Hoango, rapide! Blanka bando atakas nian domon; la niaj estas enŝlosîtaj en la

staloj. — Malsupren kun via glavo por furkurigi la fiŝhomojn.

Gustavo. Ha! Jen estas miaj fratoj! Bravaj amikoj, rekompencu al vi la kuraĝan faron!

Hoango (ĉe la fenestro). Kondamnite! Ili kuregas en la korton. Ho, en la infernon kun vi, vi eŭropaj hundoj!

Babekan. Dio! Mi jam aŭdas ilin sur la ŝtuparo. Ho savu nin, savu nin, antaŭ ol malfruiĝas!

Hoango (elingigante la sabron kaj ekkuregante al Gustavo). Blanka viperido! Vivante ili ne ricevas vin; vi ne devas travivi la fivenkon de la viaj. (Li svingas la sabron por mortigi Gustavon.)

## Sepa sceno.

La aliaj, Toni.

Toni (enkuregas, vidas la danĝeron de Gustavo kaj ekpafas sian pistolon je Hoango).

Hoango. (ekfalante). Kondamnite, tio trefis!

Gustavo. Toni!

Toni. Gustavo! (Ili ĉirkaŭprenas sin.)

Babekan. Ho, ke la tero min englutu!

## Oka sceno.

Stremli, Ferdinando, Adolfo kaj la aliaj.

Stremli. Mia filo!

Gustavo. Mia patro! Amikoj! Kunbatalantoj! Mi estas liberigita!

Stremli. Danku Dion kaj tiun ĉi anĝelon!

Gustavo. Mi fidis al vi, vi heroino! Diveni mi ne povis vian amon, do kredi pri ĝi mi povis kaj esperi mi povis.

Stremli. Cu tiu estas Konjo? — Kiu venkis lin? Kiu povas laŭdi sin pri tiu ĉi faro?

Gustavo. La mortigisto falis per ŝia kuglo, kiam li jam komencis la baton, kiu devis frakasi min.

Stremli. Tiel ŝi hontigis nin kaj duoble savis vin.

Toni (al la turniĝinta Babekan). Patrino, patrino, ne malbenu min! Mi faris, kion mi ne povis lasi!

Babekan. El miaj okuloj, vi kanajlino! Mi ne scias plu pri filino; iru kun via Franco en la blankan bandon, ke mi forgesu, kio vi estis al mi kaj neniam mi volas vin revidi. (Deiregas.)

Toni. (Postekurante al ŝi kaj stariĝante plorante ĉe la fermita pordo). Ne, patrino! Patrino!

Gustavo Toni!

Stremli. Laru ŝin plori! La larmo estimas ŝian infanan sentaĵon. Per tia doloro ŝi entombigas sian patrinon!

## Naûa sceno.

Eduardo, la aliaj.

Eduardo. Dankon al Dio, vi estas tie ĉi! — vi faris sangplenan laboraĵon, mi jam ĉion scias. — Aŭdu, mi alportas al vi la ĝojan raporton al la bela venko. La malamikoj iras plu okcidenten, kunigante sian tutan potencon sur unu punkton. La stratoj iĝas malvizitataj, ni facile povas atingi Kapon Franco ankoraŭ je tiu ĉi vespero. Ĝis la muroj preskaŭ estas la arbaro kaj mi eltrovis sendanĝeran vojeton, kiu nin feliĉe devas konduki al la fortikaĵo.

Stremi. Prenu tiun ĉi manpremon por via raporto. Rapide, infanoj, rapide, ke ni poste longa batalado gustumu la pli bonajn fruktojn de la pli bela paco!

Ankoraŭ malgrandan faron, tiam estas farita: Poste ni velas per patrolandaj ŝipoj hejmen kun gaja humoro kaj ĝojas pri la travivita batalado.

Gustavo (ĉirkaŭprenante Toni'n). Venu, Toni venu! en perditan vivon vi kondukis la amikon. Nun sekvu min; mi kondukas vin en la miraklan landon de la amo, mi kondukas vin al la supro de feliĉo, en kiu la plej belaj florkronoj de la vivo rekompencas al vi vian faron kaj al mi la kredon. —

Toni (ĉe lia kolo). Vi estas savita, vi estas mia. Nenion plu mi povas esperi sur tiu ĉi granda mondo.

Stremli (iras inter ili kaj ekprenas iliajn manojn). La tero silentas, la ĉielo staras al vi malfermite. Tial diru laŭte tra ĉiuj tempoj, per viaj nepoj estu postkantata! Dio estas kompatema, estis la devizo; kaj kuraĝa amo atingis la venkon!

(La kurteno falas.)



NL Ullrich, Wien 1978



La

# ESPERANTISTO.

Oficiala Organo de la

**Verband Deutscher Esperantisten**

(Ligo de Germanaj Esperantistoj)

Eldonanto:

**Redaktoro FRITZ STEPHAN en Leipzig.**

Aperas la 1an de ĉiu monato, redaktata en Esperanto kaj en germana lingvo kaj raportas rapide kaj certe pri ĉio, kio koncernas la Esperanto-Movadon. Enhavas tre belajn novelojn k. t. p. el la plumoj de konataj Esperantistoj el diversaj landoj.

---

**Prezo por unu jaro M. 2.50.**

---

Ricevebla de

**C. W. B. Naumburg en Leipzig,**

Königstraße 11.

